21a Jaro - No 3 (217) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Marto 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Poŝtĉeko de la LIGO: No 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj: H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento

### Inter du funebraj Memortagoj

## "Ne ! La Mortintoj ne rapide formarŝas !"

Je la momento, kiam tiu ĉi numero de « Belga Esperantisto » kuŝos antaŭ la okuloj de niaj legantoj, ni staros preskaŭ ekzakte inter du funebraj memortagoj.

Kaj du memortagoj, kiuj rilatas ambaŭ al mortoj, kiuj okazis en sama jaro, la pasinta 1934a...

Antaŭ deko da tagoj, la Belgoj, ĉiuj Belgoj, repripensis kun emocio la subitan morton de sia Gvidanto, la Reĝo Alberto, alta protektanto de niaj Kongresoj, kaj kiu jam antaŭ diversaj jaroj permesis al sia plej aĝa filo, la Princo Leopoldo, akcepti la honoran Prezidantecon de nia Belga Ligo Esperantista.

Post deko da tagoj, la Belgaj Esperantistoj repripensos kun ne malpli granda emocio, la same subitan morton de sia alia Gvidanto, sia Prezidanto Frans Schoofs, kiu jam de multaj jaroj iĝis la nediskutebla estro de la Esperanto-movado en nia Lando, dum li ankaŭ akiris en la eksterlandaj Esperanto-rondoj same nediskutitan influon.

Unu jaro jam forflugis de la momento, kiam tiu ĉi lasta sincere ploris sian tiel kruele trafitan Reĝon. Unu jaro jam forpasis de la momento, kiam ni ĉiuj konsterniĝis pro la same kruela frapo, kiu trafis nian amikon.

La Gvidantoj de la Nacioj antaŭvidis tiujn malhelajn tagojn, kiam la Alta Reprezentanto de la Nacio forfalas. Ili tial, konstitucie, zorgis pri la interregno, kiu sekvas tian morton kaj ili leĝtekste tradukis la popolan diraĵon : « La Reĝo mortis, vivu la Reĝo ! »

La gvidantoj de la diversaj movadoj, kutime, ne estas tiel prudentaj, kiel tiuj pra-politikistoj, kiuj donis al la diversaj landoj ilian konstitucion. Ili kontentiĝas konstati la laboron de tiuj, kiuj ĝin faras, tiel longtempe, kiel tio daŭras. Ili fidas, ke tio ja povas longe daŭri. Ili nur pripensas la anstataŭigon, kiam tio ĉi iĝas kruele necesa, pro neantaŭvidita okazantaĵo.

Kaj dum Kronprinco, de sia naskiĝo, estas alkondukata per speciala eduko, al tiu granda tasko, estri kaj gvidi, en movadoj kiel la Esperanta, ĉiuj esperas, ke laŭ empirisma maniero, ĉiuj sufiĉe frutempe ekadaptiĝos al siaj novaj taskoj.

Tial frapo, kiel nia movado konis en la monato de Marto 1934 estas duoble kruela.

Ni estu tamen kontentaj, kaj feliĉaj, ke el la fundo de nia mizero, ekvenis la savo, tiu savo, kiun nun ne plu unu-sola persono povis efektivigi ; tiu savo, kiun tamen diversaj kune volis alporti al la belga Esperantistaro.

Ni ne individue gratulos ilin, kiuj tiam prenis taskon sur ili. Tiuj, kiujn ni povus individue citi, nur kapablis tion fari, ĉar en la apartaj lokaj, grupaj rangoj, ekstaris pli junaj, ankoraŭ anonimaj fortoj, kiuj, transprenante, siavice, tasketojn multnombrajn, permesis al la unuaj iĝi utilaj sur la pli alta plano.

Sed ni konstatu, ke tiu tuta renovigo de la diversaj eroj de nia movado, kun preskaŭ tute novaj fortoj, kun ĉiuokaze tute novaj ekokupigoj de la ekzistantoj fortoj, nur estis ebla, pro la memoro, kiun ĉiuj konservis kaj konservos, de la granda foririnta pioniro.

Ne necesas, je tiu ĉi unua datreveno de lia morto, skizi tie ĉi la vivon de S-ro Schoofs. Ĉiuj ankoraŭ konas lin. Ĉiuj ankoraŭ memoras pri la multaj okazintaĵoj, en kiuj li partoprenis, kiujn li gvidis.

Sed eĉ poste, multaj ankoraŭ memoros.

Kaj se franca diraĵo estas : « Les Morts vont vite ! », kaj se la flandroj ĝin tradukis per « De Dooden gaan snel ! », ni, sen malĝojo, konfesas, ke tio ne estas tradukebla en Esperanto.

Tiuj, kiuj konis S-ron Schoofs, same kiel la Belgoj, kiuj konis la Reĝon Alberton, rediros volonte kun ni, ke se vere, la okazintaĵoj rapide ŝajnas forflugi, kaj tiel meti inter ni kaj la tuja estinteco trograndigitan spacon, la du mortintoj, pri kiuj ni hodiaŭ memoras, ne tiel rapide forflugos el nia memoro.

Ne ! Por ni la Mortintoj ne rapide formarŝas !

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Kunveno de la Liga Komitato

*(Bruselo, la 3an de Februaro 1935.)*

*Ĉeestas:* a) S-ino Elworthy, S-roj Jaumotte kaj D-ro Van der Biest, gekomitatanoj. b) S-ro Faes (Antverpeno), F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye (Bruĝo), F-ino Obozinski (Bruselo), S-roj Petiau kaj Vandevelde (Gento), S-ro Bissot (Lieĝo), S-ro Cogen (Ninovo), grupaj gedelegitoj. c) F-ino Jennen, Prezidantino de la juĝantaro.

*Senkulpiĝis:* S-ro Babilon (Komitatano), S-ro Boffejon (Antverpeno) kaj S-ro De Ketelaere, Ĉefdelegito de U.E.A.

S-ro Cogen malfermas la kunsidon je la 10 1/2a. Li senkulpigas la Prezidanton, S-ron Kempeneers kiu estas malsana. Li proponas, ke F-ino Thooris, vic-prezidantino, prezidu la kunvenon. F-ino Thooris akceptas.

1. — *Financa situacio de la Ligo.* — S-ro Jaumotte, kasisto, konigas la financan situacion. Restis en la kaso je fino de 1934 ĉirkaŭ 5.000 fr.

2. — *Belga Esperantisto.* — Malgraŭ la deficito, kaŭzita de la ĉiumonata aperigo, estas decidite, ke la revuo aperos regule ĉiumonate dum la venontaj monatoj. Intertempe oni penos trovi la necesan monon per diversaj rimedoj: anoncoj, soldo por Esperanto, bonfaremaj membroj, donacoj, k.c. Plie, la Direktoro zorgos, ke la enhavo de la gazeto estu interesa kaj plaĉu al ĉiuj.

3. — *Nia estonta agado.* — S-ino Elworthy proponas diversajn propagandajn rimedojn. La Prezidantino dankas kaj rimarkigas, ke la Ligestraro ĵus alprenis taŭgajn rimedojn por plifortigi niajn fortojn kaj poste komenci ĝeneralan propagandon. La akiritaj rezultatoj estas tre kontentigaj kaj oni daŭrigos la klopodojn. Ke ĉiuj nur ageme kunlaboru kaj baldaŭ ni eliros el la nunaj malfacilaĵoj!

4. — *Nacia kongreso, Bruĝo.* — La organiza komitato penas aranĝi plej allogan programon. La jam akiritaj rezultatoj antaŭvidigas, ke la kongreso akiros grandan sukceson. Varma alvoko estas farata al la grupestroj por ke ili instigu siajn gemembrojn tuj aliĝi.

5. — *Ekspozicio de Bruselo.* — La Brusela grupo studos la eblecon starigi Esperantan standon en la Ekspozicio. La Ligestraro klopodos organizi turisman vojaĝon tra Belgujo, se eble la semajnon antaŭ la Roma kongreso.

6. — *Universala kongreso en Romo.* — La personoj, kiuj intencas ĉeesti la kongreson, bonvolu informi F-inon Jennen, 72, rue d'Albanie, Bruselo. Se la partoprenontaj estos sufiĉe nombraj, oni organizos karavanon.

7. — *Eventuala turisma vojaĝo: Amsterdam — Bruselo — Londono.* — La Liga Sekretario interrilatos kun la Holanda Asocio por koni la detalojn de tiu vojaĝo. Oni poste informos la grupojn.

8. — *Diversaĵoj.* — S-ino Elworthy proponas sendi al la Reĝo kondolencan leteron, okaze de la la datreveno de la morto de la Reĝo Alberto.

La kunsido finiĝis je la 13 1/2a, post kiam S-ro Cogen estis dankinta F-inon Thooris, pro la majstra maniero per kiu ŝi prezidis.

**La estraro de U.E.A. komunikis ke la alsendo de sekvontaj numeroj de la revuo, nur estos ebla al tiuj, kies pago alvenis ĝustatempe en Genève. La grupestraroj kaj individuaj membroj do tuj reguligu sian situacion.**

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

*7-a INFORMBULTENO :*

*Loĝado.* — S-ro Edouard Verbeke, estro de la sidejo de la Bruĝa Grupo, Vicprezidanto de la L. L. K. kaj Delegito de la loka Asocio de Hotelestroj, prenis sur sin la loĝadan fakon. La kongresanoj bonvolu do turni sin senpere al : S-ro EDOUARD VERBEKE, Hotelo « CORNET D'OR — GOUDEN HOORN », placo Simon Stevin, 2, Bruĝo, pri ĉio, kio koncernas la loĝadon. S-ro Verbeke lokigos la kongresanojn en la — laŭ montritaj preferoj — plej taŭgaj hoteloj. Jen sekvas kelkaj prezoj por elekto ; la prezoj por loĝado valoras por unu nokto kaj la mendontoj bonvolos sciigi al la loĝada fakestro la daton de alveno kaj de foriro. *Antaŭpago NE estas postulata.*

Ĉambro por 1 persono : Fr. 12, 12,50, 15, 16, 18, 20, 25, 30, 35.

Ĉambro kun 2 litoj, ambaŭ por 1 persono : Fr. 20, 25, 30, 32, 35, 36, 40, 45, 60, 65.

Ĉambro kun 1 lito por 2 personoj : Fr. 15, 20, 25, 30, 35, 40, 50.

Ĉambro kun 2 litoj, ambaŭ por 2 personoj : Fr. 20, 30, 35, 45, 50, 60, 75.

Matenmanĝo : Fr. 3,50, 4, 5, 7, 8 (laŭ hotelo).

Servado : 10 %. — Imposta Takso : 1 fr. tage.

*Lunda ekskurso :* Post la lunda komuna tagmanĝo, okazos mallonga parolado de S-ro Paul NYSSENS, Direktoro de la Instituto por Homa Kulturo en Bruselo, kun temo : « Kiel ni povas pligrandigi nian influon sur la homoj kaj sur la amasoj » kaj sekvota de praktikaj frenologiaj ekzercoj.

*Kvara listo de Kongresanoj :*

Ĉi sube ni presas la kvaran liston de la partoprenontoj en la kongreso de Pentekosto 1935. La nomoj estas citataj en la ordo de alveno de la kotizoj.

45. S-ino Elly Staes, Bruselo.
46. S-ro André Tassin, La Louvière.
47. F-ino M. Ant. Jennen, Bruselo.
48. F-ino Simone Obozinsky, Bruselo.
49. S-ro Hector Boffejon, Antverpeno.
50. S-ino Hector Boffejon, Antverpeno.
51. F-ino Alice Boereboom, Bruĝo.
52. S-ro Auguste Faes-Janssens, Antverpeno.
53. S-ino Lucette Faes-Janssens, Antverpeno.

ĈU VIA nomo jam aperis tie ĉi?
ĈU VI deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

SENDU do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.

**N.B. — La L.K.K. ne sendos kongreskarton al la aliĝantoj; la jena enpreso estas kvitanco.**

**IĜU BONFARANTA MEMBRO**

# LITERATURO

## Maurice Maeterlinck

*Gento 1862.*

**« Grafo Maurice Maeterlinck paroladis en Menton, ĉe la inaŭgura ceremonio de statuo al la Reĝo de la Belgoj Alberto Ia ».**

(La Gazetoj 17-2-35).

*Maeterlinck estas unu el la genioj maloftaj en la belga literaturo kaj same kiel ĉe Verhaeren kaj Lemonnier, lia famo disvastiĝis malproksimen en la mondon.*

*Li studis en Gento, kie li iĝis advokato, sed baldaŭ sin ekskluzive dediĉis al la literaturo.*

*Li komencis en la literaturo per la eldono de du malgrandaj poemaroj ; lia poezio pure simbola, estas malgaja kaj malkvieta... Sed estas precipe per siaj teatraĵoj, kiuj sukcesplene estis reprezentitaj sur la ĉefaj scenejoj eŭropaj, ke Maeterlinck akiris sian gloran famon. La sama karakteriza malcerteco kaj melankolio de liaj unuaj poeziaĵoj troviĝas en liaj unuaj teatraĵoj. Preskaŭ ĉiuj havas tiun atmosferon de mistero kaj de teruro, kiu multfoje aperas en lia verkaro ; li scias precipe esprimi tion, kio estas malklara, malcerta kaj teruriga en la homaj animoj...* El la biografio de Jeanne Van Bockel en « Belga Antologio ».

### La Somero en Nice

Ili, kiuj dumvintre venas al Nice, forlasas tiun urbon, je l'fino de Marto. Ili malpravas ; ili ne scias, kion ili perdas. Nice, dum vintro estas delicoplena miraklo, kvankam iomete nefirma. Estas efektive mirinda, ke, je dekdu horoj de Parizo estas klimato komparebla kun tiu de Suda Kalifornio, t.e. de la Kalifornio kiu etendiĝas de Los-Angeles al San Diego ; ĉar San-Francisco estas jam pli malvarma kaj pli malseka. Por atingi tie tian klimaton, la Usonano de New-York devas veturi, sen ia halto, krom tiuj necesaj por la ŝanĝo de lokomotivo, dum kvin tagoj ses noktoj. Ne estas mirinde, ke post tia komplikaĵo, li atingu la printempon sur la bordoj de la Pacifika Oceano. Tie ĉi kontraŭe, ni ĝin salutas kiam ni vekiĝas, post bonega nokto, lulita en dolĉa lito, kiun neniam skuas la fortegaj ekmoviĝoj de la Amerikaj lokomotivoj.

Sed kompence, en la vintro de Nice, kiom dolĉa ĝi estu, oni tamen je iaj momentoj retrovas la fantomon aŭ la ombron de la Pariza vintro ; oni efektive ne povas postuli ke dekdu horoj de vojaĝo nin transportu meze de la Tropikoj. Por ili, kiuj konas la regionon kaj ne kontentiĝas sekvante la modajn forloĝadojn, la vera sezono de la « Lazura Marbordo » komenciĝas ĝuste kiam finiĝas la oficiala sezono. Ĝi daŭras de la 1a de Aprilo ĝis la komenco de Julio. Kiel mi jam diris, ili, kiuj foriras antaŭ la fino de Junio, ne scias kio okazas, kiam ili estas for. Tiam nur komenciĝas la festo. Kvazaŭ ili estus atendintaj la foriron de atestantoj trudiĝemaj kaj mokemaj, la veraj aktoroj de la mirinda feaĵo ekaperas ĉiuloke. Dum la vintro, antaŭ la pasloĝantoj, oni nur ludas ian prologon, iom palan, iom malrapidan, iom timeman kaj iom malspontanean. Sed nun sur la ebriigita tero, subite, eksplodas la grandaj lirikaj aktoj.

La ĉielo malfermas siajn perspektivojn ĝis la plej lastaj limoj de la lazuro, kaj ĉiuj floroj ŝirvundas la ĝardenojn, la rokojn kaj la ebenojn por ekleviĝi kaj ensalti la abismon de ĝojo, kiu ŝajnas ilin alsuĉi en la spacego. La antemisoj, freneziĝintaj, prezentas dum ses semajnoj al nevideblaj fianĉoj, grandegajn rondajn florgarbojn, similajn al ŝirmilojn de blanka neĝo. La skarlata kaj tumultoplena mantelo de la aromaj kreskaĵoj suprenrampaj flirtas ĉirkaŭ la domoj, kies fenestroj kvazaŭblindigitaj, palpebrumas meze de la flamoj. La flavaj rozoj kovras la montetojn per safranaj vualoj, la rozoj rozkoloraj — de tiu bela rozkoloro senkulpa de la unuaj hontemoj —, plenigas la valojn kvazaŭ la diaj konservujoj de l'matenkrepusko, kie fariĝas la ideala karno de l'virgulinoj kaj anĝeloj, estus superpleniĝintaj la mondon. Aliaj rampas laŭlonge de l'arboj, supergrimpas la kolonojn, la fasadojn, la portikojn, saltas kaj refalas, ree ekleviĝas kaj sin supermetas, kvatoj de ebriaj ĝuoj, kiuj fermentas, silenta svarmo de pasiplenaj petaloj.

Kaj la sennombraj bonodoroj, diversaj kaj nekontraŭstareblaj, kiuj fluas en tiu ĝoja maro, kiel riveregoj kiuj ne sin miksas kaj de kiuj oni rekonas la fonton je ĉiu alspiro ! Jen la verda kaj malvarma torento de la rozgeranio, fluegado de kariofiloj de la dianto, la hela kaj lojala rivero de la lavando, la rezina bolŝaŭmado de la pinedo kaj la granda tavolo vasta kaj sukerita, kun trudemaj dolĉecoj de la oranĝfloro, kiu sub la senfina odoro de l'blua ĉielo submergas la kamparon.

Ĝis en la unuaj tagoj de julio, la seka varmeco, aerumita, maldensa, malpeza pro la ventetoj, kiujn la maro kaj la montoj interŝanĝas, tute ne estas netolerebla, kiel tion kredas tro facile tiuj, kiuj jam foriris, sed kontraŭe ĝi posedas la idealan varmecon de la homa korpo, tiun, en kiu ĉiuj ĝiaj sentoj plene dilvolviĝas kune kun la trankvila kaj simpla ĝojo pri la vivo, en unu vorto tiun de la vera feliĉo ; ĉar la homo, tion ni ne forgesu, estas antaŭ ĉio, besto de la varmaj landoj.

Poste, de Julio ĝis la komenco de Septembro estas alia sezono ; tiu de la senmova somero, sen uraganoj, sen pluvo, sen nuboj ; estas la sezono de la plena suno kaj de la senlima bluo. Ĝi estus same ĝuebla, kiel la aliaj, se ni lernus ĝui siajn ĝojojn. Sed eĉ la aŭtotoħtona enloĝantaro de Nice, de Cannes kaj de Menton ne jam kapablas kuraĝe kontraŭstari tiujn ok aŭ dek semajnojn fulmigajn kaj belegajn, dum je kelkaj kilometroj de la limo, la Italoj alkuras de l'fundo de la urboj kaj de la kamparo, por ĝui sur la bordoj de tiu sama Mediteranea Maro, klimaton, kiun iliaj fratoj de Francujo timegas kaj evitegas kiel malbonaĵon. Pasintan someron, en la plej premegaj tagoj de Aŭgusto, mi, en aŭtomobilo, laŭveturis tiun liguran marbordon, de Pisa al Vintimilla. Mi kredis, ke mi ĝin trovus forlasita, kiel la alia, kiu etendiĝas de Menton al

Saint-Raphaël, kaj, eĉ, laŭlonge de Sainte-Maxime, la Lavandou, Hyères, Toulon, Bandol ĝis la pordegoj de Marseille. Sed anstataŭ la silento kaj la morto orumita kaj grandioza, kiun mi duone antaŭvidis, estis la superplena bruema, multkolora, lumigita, gaja vivo kiu ekbolis en ĉiuj la rimarkindaj banlokoj de la Rivero de Ponent kaj de Levanto. Nur San Remo kaj Bordighera, tro proksimaj al la landlimo, ŝajnis iomete kaptitaj de la komuniklebla dormado de sia granda najbarurbo, sed jam en Porto-Maurizio, trapasante Alassio, Varazze, Rapallo ĝis Viareggio, ia somera foiro, en kiu miloj da bangastoj ekmoviĝis, disvolviĝis en plena gloro aŭ furiozis en sia plena abomeno, laŭ la ŝato aŭ malŝato de tia plezurrestado. En Rapallo en Alassio en Viareggio, nome, la tropleneco estis tia, ke ni devis rezigni resti dumnokte tie.

Kaj tamen, la meza varmeco de la Itala Riviera estas, dum la somero, la sama kiel tiu de la franca Riviera. Sed la Italoj kapablas adaptiĝi al ĝi. Anstataŭ proŝvite malsekiĝi sub tro mallarĝaj vestaĵoj, senspirĝi en emajlaj kolkatenoj, viŝi la ŝviton sur la frunto sub palja ĉapelo tro peza kaj tro mallarĝa. aŭ feltĉapelo simila al sangalfluiga kloŝo, de l'mateno ĝis krepusko, viroj kaj virinoj tie vivas, kun tolŝuoj al piedoj, kun tolĉapelo aŭ dolĉa pajlĉapelo sur la kapo, kun la kruroj, la brakoj kaj la supera parto de la torso nudaj, en la stratoj, en la restoracio, en la hotelo, ĉe la pasteĉbakisto, en la kafejo, en la ĝardenoj, nur vestitaj per bankostumo. Ĉiumomente oni ree subakviĝas en la lumoplena kaj freŝiga maro kaj oni sin vestas nur je l'horo de la vespermanĝo. Tiel iĝas bonfartiga, fortiga kaj agrabla, vivado, kiu je la alia flanko de Vintimilla, ŝajnas netolerebla kaj premiga ?

Maurice MAETERLINCK
Trad. M. G. D. J.

## La kinematografo kaj ĝia progreso.

Kiam la fratoj Lumière el Lyon (Francujo) eltrovis la kinematografon, ili certe mem ne antaŭvidis la rapidan kaj grandegan kreskon, kiun farus tiu afero !

Eltrovi ne estas la bona esprimo en tiu-ĉi cirkonstanco. La kinematografo estas industria efektivigo de la fratoj Lumière kaj estas la sekvo de eltrovoj de Marey, Emile Reynaud, Demeny, Edison kaj de la fratoj mem.

La unua reprezentado okazis la 22an de Marto 1895, do antaŭ nur kvardek jaroj. Neniu tiam, antaŭ la tre simplaj bildoj, kiujn oni vidigis, estis kapabla imagi la industrion, kiu unufoje elkreskus el la malgranda aparato, — industrio, kiu donus al miloj kaj miloj da homoj bonajn vivrimedojn..., kaj al ĉiuj homoj agrablajn distraĵojn en grandaj kaj luksaj salonegoj.

Tamen estis tio, kio okazis. Kiel ĉiu novaĵo ankaŭ la kinematografo komence havis potencajn kontraŭstarantojn ! La kuracistoj diris ke la kinematografo estis tre malbona por la okuloj de la scivolemuloj. Kaj la kuracistoj pravis : la bildoj dancis terure antaŭ la okuloj de la personoj ; ili tute ne estis klaraj, kaj ĉiu kiu volis kompreni, kion oni montris, devis ŝtreĉi tre forte la atenton ; sur la ekrano estis ĉiam kvazaŭ tre forte pluvis !

Aliaj personoj opiniis kun la kuracistoj, ke la kinematografo estis tre danĝera afero, ĉar ĝi tre facile okazigis brulegon. Ankaŭ je tiu vidpunkto la kontraŭstarantoj pravis : la filmo kiun oni uzis, estis facile bruligebla eĉ nur la frotado de la filmo en la aparato bruligis ofte la filmon kaj la aparaton, kaj tiuj povis do komuniki la fajron al la salono, kie okazis la reprezentado.

Ankoraŭ aliaj, pli malsaĝaj rimarkoj kontraŭ la kinematografo estis publikigitaj. Sed ilin ni lasos, ĉar ili nuntempe ŝajnus al ni tiel ridindaj, kiel la deklaro de la kamparanoj je la vido de la unua vagonaro : « Tio estas diablaĵo ! »

La progreso atentis la pravajn rimarkojn de la kontraŭuloj, kaj kiel eble plej zorge pristudis la rimedojn, kiujn oni kapablis alporti. Tiam anstataŭ la blankkalkita muro aŭ la nebona etendita tuko, venis la rigidaj ekranoj arĝentkoloraj. Oni plibonigis la filmojn mem, pristudante la lumefikojn — (kaj la elektra lumo mem ĉiam pli kaj pli perfektiĝis kaj anstataŭis oleolampojn kaj gaslampojn,) — oni ĝustigis la marŝmanieron de la filmo... kaj la dancado tre malrapide sed certe, pli kaj pli malaperis, la pluvado ĉesis, kaj post pluvo venis sunbrilo !... la lacigo de la okuloj multe pli malgrandiĝis.

La bruldanĝero por la filmo mem tute foriris : unue oni zorgis pri aparato kiu ĉiam tenis la filmon malvarman, poste oni trovis la nebruligeblan filmon, kaj en la kinematografejoj oni metis la personojn, kiuj aranĝas aparaton kaj filmojn, en feran kaĝon !

Ni ĉiuj scias ke nuntempe la filmŝatantoj estas multe, multe pli multnombraj ol la kontraŭbatalantoj. La film-industrio iĝis ege vasta industrio, kiu rondirigis grandmezure la monon en la mondo.

Kiel en ĉiu industrio kiu havas grandan publikon, kiu nur atendas novan produktaĵon por ĝin kapti, komenciĝis en la film-industrio granda konkurenco. Estas tiu konkurenco, kiu devigis la produktantoj prizorgi kiel eble plej multe la filmojn. Tiam tiuj produktantoj serĉis bonajn artistojn, belajn rakontojn, interesajn dokumentajn ĉu en la monda historio, ĉu en la naturo, kaj la filmoj eniris la vojon, kiu gvidis ilin al granda Arto.

Ĉu la filmo nur havas valoron en la distraĵkampo? Tute ne. Estas certe ke la kinematografo, la simpla aparato de la fratoj Lumière iĝis aparato de distraĵo, sed ankaŭ de edukado kaj eĉ de scienca esplorado. La miskroskopo ebligis de pristudon de la formo : la kinematografo aldonis la movojn. Ĝi havis la grandan superecon, ebligi la registradon de la formoj kaj de la movoj : tiamaniere oni povas revidi ilin duan, trian fojon, ĉiam same kaj tiel klare kiel la formojn en la miskroskopo.

Kvankam la filmoj jam tiel multe estas uzataj en la tri kampoj kiujn ni nomis : distraĵo, edukado, scienca esplorado, tamen ĝis nun la distraĵo ĉiam ankoraŭ estas la plej ekspluatata. En la aliaj kampoj oni nur komencis forte labori antaŭ kelkaj jaroj. Ankaŭ tie ekzistas grandaj rimedoj por la homoj, kaj ili ĝis nun ne estas uzataj kiel estus eble profiti ilin.

ALFONSO JOHAN

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 2-an de Marto: Kantvespero.

La 4-an (Lundon): Malfermo de elementa kurso, gvidota de S-ro Van Dijck (dufoje en la semajno: lunde kaj ĵaŭde).

La 9an: Legado de teatraĵeto.

La 10-an: Vizito al la Tombo de S-ro Fr. Schoofs, Kunveno, je la 10 h. 1/2 ĉe la Centra Stacidomo, (halto de la tramveturiloj 24) aŭ je la 11a h., ĉe la enirejo de la Enterigejo « Schoonselhof ».

La 16-an: Kabaredvespero. Tiuj membroj, kiuj deziras helpi al la sukcesigo de ĝi, sin turnu al S-ino Van der Veken-Van Bockel aŭ al la sekretariejo.

La 23-an :Parolado de S-ro Sielens: « Kelkaj Esperanto-aŭtoroj ».

La 30-an: Karnavala Balo. Je la 9a en « Witte Leeuw ». Senpage alirebla por maskitaj gemembroj. Malgranda monpuno por la aliaj. Oni alkonduku familianojn kaj amikojn.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

La 5-an de Marto (Karnavalo): en la grupa sidejo « Cornet d'Or — Gouden Hoorn », kant- kaj dancvespero. Muzika surprizo. Gvidos: S-ino Ch. Poupeye, F-ino A. Boereboom, S-roj G. Groothaert kaj P. De Vooght.

La 12-an: Provleciono por kandidatoj al Profesora kapablеco. Prez. F-ino Y. Thooris.

La 19-an: a) Supera kurso, 4-a leciono (prokrastita) sub gvidado de F-ino Y. Thooris; b) Kartludado « Lexicon » por la malnovaj membroj kaj kvartet-Ludo « Studo per Ludo » por la novaj membroj. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

La 26-an: Vizito al la malnova kafejo « Vlissinghe » ĉe S-ano Vital Jehanssart. Kartludado « Lexicon » kaj Kvartet-Ludo « Studo per Ludo ». Prez. F-ino Y. Hubrecht.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo: Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, leterpaperoj, kovertoj, poŝtkartoj, k.t.p.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 4an de Marto: S-ro Castel prezidos.

La 11an: S-ro Adamski prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

*Programo laŭ la grupoj:*

EN CHENEE: praktika kunveno ĉiulunde, je 7-a horo, ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

EN SCLESSIN: praktika kunveno la 7-an de marto, je 7 h. 30, en la grupa ejo, rue Ernest Solvay, 1.

EN LIEĜO: praktika kunveno laŭ programo, kiu aperos en venonta numero — informojn pri la marta kunveno, oni ricevos de S-ro Thirifays, 52, rue de l'Armistice, Bressoux.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 2an de Februaro, S-ro Jaumotte faris paroladon pri sia restado en la Saarteritorio, antaŭ, dum kaj post la elektadaj operacioj. Li precipe klopodis ekveki, antaŭ la aŭdantaro, la spiriton, kiu regas en tiu malgranda teritorio, kiu, jam de nun, reestas parto de Germanujo. Nome de ĉiuj S-ro H. Sielens varme kaj elokvente dankis la prezidanton.

La 9-an S-ro Boffejon, vicprezidanto, faris paroladon pri la « Ekspozicio de Chicago » kaj montris tre belajn filmojn, kunmetitajn de la « Ford Motors Cy », al kies direktantoj kaj reprezentato S-ro Bayard, kiu ĉeestis kaj helpis la paroladiston, ni multe ŝuldas. Tre multaj membroj ĝuis la klarigojn de S-ro Boffejon kaj la vere belajn filmojn. S-ro Jaumotte dankis kaj gratulis lin varme.

La 16an okazis diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de F-ino Jacobs, kiun la Prezidanto gratulis pro la bela rezultato akirita dum la ekzameno. Li ankaŭ bonvenigis kaj gratulis la lernintojn, kiuj akiris sekvantan rezultaton: plej granda merito: S-ino Gaby Smolderen-Nauwelaerts; S-ro Marcel Smolderen kaj S-ro Marcel Gerckens; kun granda merito: F-ino Agnes Coenen; kun merito: S-roj Louis Claes kaj Willy Houben, F-inoj José Poppe kaj Is. De Jonge; kun sukceso: S-ino Goya Houben. Ĉiuj ricevis diplomon kun bela premio.

Poste G-roj Van der Veken-Van Bockel prezentis tre spritan interludon, en kiu sin subite miksis la sekretario, je granda ĝojo de ĉiuj, ankaŭ de ambaŭ interpretantoj, kiuj same plej bone « improvizadis ».

Gaja dancado estis bela konkludo por tiu festo.

La 23an S-ro Sielens, enkondukis diskutadon pri « Edziĝi aŭ needziĝi ». Diversaj membroj partoprenis al tiu diskutado.

Ni citu, ke antaŭ kelkaj semajnoj komenciĝis nova kurso, gvidata de S-ro Vermuyten kaj ke ĝi estas bone sukcesanta.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 22-an de Januaro, F-ino Y. Thooris gvidis la 2-an lecionon de la kurso por progresintoj. Poste diversaj komunikaĵoj estis farataj: inter aliaj tre notinda estas la parolado de F-ino Y. Thooris, ĉe la Asocio de la Bruĝaj Hotelestroj, la 18-an de Januaro, pri « Esperanto kaj Turismo ». Tiu parolado vekis grandan intereson pri nia lingvo en tiu speciale atentinda medio. Praktika aplikado de nia lingvo verŝajne sekvos el tio, precipe dank'al la konstanta kunlaborado de S-ano Edouard Verbeke.

La 29-an de Januaro eksterordinara kantvespero estis dediĉata al preparo de la propaganda balo de la 9-a de Februaro kaj ankaŭ, la 5-an de Februaro, la laŭprograma kantvespero estis utiligata por la sama celo; diversaj instrukcioj estis donataj tiurilate de S-ro P. De Vooght, la sperta balorganizanto.

Fine, post longa kaj streĉa prepara laborado, venis la granda tago de la Propaganda Balo. La 9-an de Februaro, je la 9-a vespere, kunvenis en « Muntpaleis », tute ornamitan per verdstelaj flagoj kaj flagetoj, krom multnombraj grupanoj, pluraj centoj de ne-esperantistoj. Kaj la festo disvolviĝis, majstre gvidata de la organizanto S-ano P. De Vooght. La pro-

paganda flanko ne estis forgesata: okazis saluto al la Esperanta flago, kantado kun orkestro de « La Espero », kotiljono kun verdstelaj ĉapeloj, k. c. — Pli ol sesdek premioj estis disdonataj en tombolo kaj post konkursoj pri valso kaj tango, kaj ĉiu premio entenis propagandilojn. Fine la konkursa valso « Foje ĉe l'Rejn' » estis kantata de la grupanoj kaj akiris grandan sukceson. Entute belega festo, kiu ankaŭ helpis la propagandan kason, kaj pri kiu grandaj dankoj povas esti adresataj al S-ro P. De Vooght, kiu kun S-ino De Vooght, dediĉis plurajn tagojn al ĝia preparado. Tiu balo povas esti konsiderata kiel ĝenerala ripetado de tiu, kiu okazos dum la venonta Belga Kongreso.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La 10-an de Februaro okazis la ĝenerala kunveno de la societo, ĉe kiu estis nome aprobataj la finjaraj raportoj kaj reelektataj la komitatanoj. Okaze de tiu kunsido, la membroj serioze pristudis la rimedojn, uzeblajn por pliviglígi la aferon je propaganda kaj perfektiga vdipunktoj. La plej grava tuja rezulto estas la reorganizo de la Lieĝa grupo, kies anoj kunvenos la 21-an de Februaro por finpretigi la programon.

La ĝenerala kunveno fermiĝis, post tre interesaj paroladoj de la societa prezidanto kaj de la juĝintara prezidanto, per disdono de la diplomoj al la laŭreatoj de la Hocheporte'a kurso. Ricevis la diplomon kun la plej granda merito: S-ro Guyot, kun granda merito: S-rino Thise, S-roj Houbaert kaj Thise; laŭ kontentiga maniero S-ro Simonon kaj F-ino Simonon.

## FAMILIA KRONIKO

### Kondolencoj.

— La 29-an de Januaro, mortis en Antverpeno, post longa malsano, S-ro Jozef Posenaer, profesoro ĉe la Reĝa Akademio de Belaj Artoj, ĉevaliro de la Ordenoj de Leopoldo kaj de la Krono, frato de nia Komitatanino S-ino Elworthy-Posenaer. S-ro Posenaer estis ne nur konata artisto sed ankaŭ homo kun plej bona koro. Ni prezentas al nia samideanino la esprimon de nia plej profunda kondolenco.

— La 16-an de Februaro mortis en Bruĝo, post nur kelktaga malsano, la 28-jara S-ro Albert Moens, inĝeniero, aganta membro de la Bruĝa Grupo. Al liaj tiel kruele trafitaj gepatroj, Ges-roj L. Moens-Verlé, kaj al ĉiuj Bruĝaj samideanoj, ni prezentas plej sincerajn kondolencojn pro tiu ege doloriga perdo.

### Nekrologo.

— L. de Beaufront, la iama tiel bona propagandisto por nia afero, mortis antaŭ kelkaj semajnoj. Malgraŭ ĉio malbona, kion li poste faris al nia movado, kiam li, pro ne lojalaj kialoj, iĝis la propagandisto de sia tielnomita kreitaĵo « Ido », ni tamen nur en li vidu samcelanon, kiu malfeliĉe deflankiĝis kaj verdire neniam konfesis sian eraron.

— Juul Karnas, post tre longa malsano mortis en Svisujo, kien li refoje vojaĝis kun espero tie resaniĝi. La mortinto estis iam komitatano kaj profesoro de « La Verda Stelo ». Li poste forlasis la belgan movadon por labori sur alia kampo. Li dum la lastaj monatoj reprenis la gvidadon de « Flandra Esperantisto ». En belgaj rangoj estas ankoraŭ multaj, kiuj memoras pri la kunlaboro, kiun ili dum sufiĉe longa tempo havis kun li. Lia vidvino, ankaŭ iama membrino de « Verda Stelo », akceptu. kiel la aliaj familianoj, niajn sincerajn kondolencojn.

— La 14 de Februaro mortis en Antverpeno S-ro J. Kenis, patro de F-ino Jeanne Kenis, iama membrino de « La Verda Stelo », kiu akceptu nian sinceran kondolencesprimon.

## ESPERANTO KAJ RADIO

DIMANĈO, 3, 10, 17, 24, 31 Marto 1935:

9.00-9.15: Marseille-Provence, 400 m.: 3 kaj 17 marto: R. Deshays: Literaturo, informoj. — 10 kaj 24 marto: H. Bourdelon: Kurso.

9.30-10.00: Lille PTT Nord, 247 m.: Curnelle kaj f-ino Andrée: Kurso.

9.40-10.00: Lyon-la-Doua, 463 m.: R. Levin: Kurso.

MARDO, 5, 12, 19, 26 Marto 1935:

18.20-18.40: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Kurso.

18.45-19.15: Radio-Lyon, 215 m.: G. Pouchot: Kurso.

19.00-19.10: Tallinn, 410 m.: Tartu: Informoj.

MERKREDO, 6, 13, 20, 27 Marto 1935:

21.15-21.25: Wien, 507 m. kaj relajsoj: Paroladoj.

22.00-22.20: Ljubljana, 569 m.: Paroladoj ĉiun duan merkredon.

JAŬDO, 7, 14, 21, 28 Marto 1935:

17.30-18.00: Paris PTT, 432 m., Alpes-Grenoble, 515 m.: C. Rousseau: Kurso, parolado.

VENDREDO, 1, 8, 15, 22 29, Marto 1935:

19.30-19.50: Nice-Juan-les-Pins, 240 m.: G. Avril: Kurso, parolado.

22.00-22.15: Lisboa, 291 m.: S. Carreira: Parolado. (Nur 8 kaj 22 Marto).

SABATO, 2, 9, 16, 23, 30 Marto 1935:

16.10-16.20: Tour Eiffel, 1389 m.: Turismo en Francujo.

2. Le Baccon: Oisans Briançonnais.

9. Le Baccon: Tours kaj ĉirkaŭaĵo.

16. Le Baccon: Vercors.

23. Le Baccon: Caen.

30. S-ro Paparel: Roanne.

17.10-18.25: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Informoj (ĉiun duan sabaton: 9 kaj 23 Marto).

20.10-20.20: Lyon-la-Doua, 463 m.: Informoj.

12.30-12.45: Lisboa, 48,4 m.: S. Carreira: Parolado (ĉiun duan sabaton: 9 kaj 23 marto).

*Aliaj dissendoj en Februaro 1935:*

SABATO,2 Marto 1935:

18.10-18.30: Hilversum, 1875 m.: P. Kryt: Pritraktado pri la Esperanto-movado.

MERKREDO, 6 Marto 1935:

21.15-22.00: Brno, 325 m., Praha, 470 m., Bratislava, Mor. Ostrava, Kośice.: Esperanta horeto.

DIMANĈO, 10 Marto 1935:

? 12.00-12.30: Karlskrona, 196 m.

SABATO, 16 Marto 1935:

? 18.10-18.30: Hilversum, 1875 m.: Lie Tillema-Heynun kun infanĥoro:

1. Esperanto-kantado de infanĥoro: Sub l'ombrelo de l'patrin'.
2. Pri Nederlando.
3. Por infanoj Esperante.
4. Esperanto-kantado de infanĥoro.

DIMANĈO, 17 Marto 1935:

9.00-9.30: Stockholm, 426 m., Motala, 1389 m.: Parolado.

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO

Dum la Kongreso de Bruĝo diversaj el niaj bonaj membroj klopodos akiri tiun diplomon.

La diplomdisdono okazos dum la Kongreso mem, ĉar la laboroj finiĝos ĉiuj sabate vespere.

La partoprenprezo estas Fr. 50,—.

## BIBLIOGRAFIO

***Ni recenzas la librojn de kiuj ni ricevis po du ekzempleroj, la aliajn ni citas.***

*« TRA LA LABIRINTO DE LA GRAMATIKO », de F. FAULHABER. — Handleiding bij de beoefening der esperanto-gramatiko. Uitg.: Federatie der Arbeiders-Esperantisten. Amsterdam. 327 blz. 15×23. Ingebonden. Prijs: fl. 2,50. B. fr. 36,—.*

Ofte oni miras pri la granda nombro da bonaj Esperantistoj kiuj troviĝas en Nederlando kaj Flandrujo. Unu el la ĉefaj kaŭzoj de tio sendube estas la bonaj lernolibroj pri kiuj ni nuntempe disponas. « Tra la Labirinto de la Gramatiko » grandmezure superas ĉiujn ĝis nun aperintajn nederlandlingve verkitajn lernolibrojn. Ĝi ne estas lernolibro kiun ni kuraĝus doni al la lernantoj de elementa kurso, ĝia amplekso sendube timigus ilin, sed, post tia kurso, la libro iĝas vera trezoro. La volumo estas neelĉerpebla fonto kaj ideala havaĵo por laborist-esperantisto: kompleta kaj tamen simpla, bele bindita kaj bone prizorgita, kaj tamen tiel malmultekosta. Speciale prizorgitaj estas la klarigoj de la afiksoj (kun po 10 ĝis 20 ekz.). Ni kun ĝojo ankaŭ trovis la malnovan elparolmanieron de la sc-vortoj: § 30; mi scias = mis cias k.t.p. Ni nur bedaŭras la klarigon v = w (tio nur estas por Nederlandanoj sed ne por Belgoj, kiuj tre bone elparolas v = v). La preseraroj estas zorge korektitaj en aldonita tabelo.

Multaj konsiloj por kursgvidontoj igas la verkon nepre akirinda.

*FREUDE DURCH ESPERANTO! de H. STEINER. — Ein Lehrgang für Kurse und Selbsunterricht von Hugo Steiner. Eld.: Verlag « Das Kleine Volksblatt », Wien VII, Bandgasse. Kartonita, 96 p., 13×18, prezo: aŭstr. ŝ. 2,—, + afranko.*

La registara konsilisto, Hugo Steiner, prezidanto de la Aŭstra Esp.-Asocio, fondinto de la Int. Esp.-Muzeo de Vieno, prezentas al ni bone verkitan malgrandan lernolibron por germanlingvanoj. La libreto estas bone redaktita laŭ la pedagogia normo: unue la facilaĵoj, poste la malfacilaĵoj; kontraŭ tiu ĉi regulo tamen iomete pekas la trofrua klarigado de la sufiksoj -nj kaj -ĉj. Dudeko da malgrandaj preseraroj estas korektitaj en aldonita listeto. La valoron de la libreto pligrandigas diversaj interesaj klarigoj pri la Esp.-Movado, tre utilaj por komencantoj.

*AL TORENTO de STELLAN ENGHOLM. — Novelo. — Dua Eldono. — 1934. — Eldonis: Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. Broŝurita; 93 p.; 13,5×19; prezo: sv. kr.: 1,20.*

Multaj Esperantistoj ĝojos pro la dua eldono de tiu ĉi verketo kiu, la unuan fojon, eldoniĝis en 1930a, de « Heroldo de Esperanto », Köln.

La romaneton verkis la konata sveda verkisto Stellan Engholm. Li estas unu el la taĉmento de tiuj junaj verkistoj kiuj trovis ĝeneralan aprobon, kaj kiuj meritas nian plenan apogon.

Ni evidente ne rakontos en ĉiuj detaloj, la rakonton, ĉarman sed foje akran kaj ofte profunde socialprobleman, pri Karlo, kiu ekamas knabinon kiu sin jam tuta donis al alia fraŭlo.

Ni entute povas akordiĝi kun la kritiko de K. R. C. Sturmer « this is clever, this is beautiful, this is true ».

Bona papero kaj plaĉa koverto pliagrabligas la posedindan novelon.

*ŒSTERREICH - AUTRICHE - AUSTRIA - AŬSTRIO. 4-lingva faldfolio. Kun landkarto de Aŭstrio kaj fotografaĵoj. Dediĉita al la Jubilea Kongreso de Esperanto en Kolonjo 1933. Eldonis Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien, Aŭstrio. La prospekto aperis en lingvoj germana, franca, angla, itala, nederlanda, hungara, ĉeĥa kaj Esperanto. (Eldonnombro 5.000.) Tradukis H. Steiner, fondinto de Intern. Esp.-Muzeo en Wien. Prezo: 1 respondkupono sendota al Int. Esp. Muzeo.*

*KOMENTOJ AL LA KOMUNISTA MANIFESTO. Tradukis el la angla kaj kompilis T. Veder. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 rue Boyer, Paris. 1933. 56 paĝoj, 11×17 cm. Prezo: fr. fr. 3,60.*

*LA NOVA GERMANLANDO. Internacia informilo pri la nova Germanlando. Eldonanto: Esperanto-Unuiĝo de Saksaj Geinstruistoj, Schillerstr. 9 Riesa (Germ.) 1933. 4 paĝa folio, 32×23 cm.*

*LA MONDO ATENTU: PAROLAS ADOLF HITLER. Represo el « Germana Esperantisto », N-ro 10-1933 oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio. Parolado farita de la germana kanceliero Ad. Hitler, la 3an de Septembro 1933 en la fino de la kunveno de la germ. naci-socialista laborista partio en Nürnberg. Tradukis Behrendt, gvidanto de Germana Esperanto-Asocio. 6 paĝa folio sur du kolonoj presita 17×25 cm. Prezo nemontrita.*

*JARLIBRO DE TUTMONDA ASOCIO KOLEKTANTA (T. A. K.) por 1932-33. Kompilis D-ro Jozefo Takacs, prezidanto de TAK. Presis 1933. A. Prazak, Jablonné n. Orl. 32 paĝoj 11,5×15 cm. Prezo: 0,60 fr. sv., por membroj de TAK senpage. Mendebla ĉe kasisto S-ro F. V. Mizera, Jablonné n. Orl. Ĉeĥoslovakujo.*

*TUTMONDA ESPERANTO, monata revuo amuza kaj sciiga. Administracio: Friedrich Schloe. Tutmondo-Presejo kaj Eldonejo, Karlsruhe am Rhein, Germanlando. 12 paĝoj. 17×24 cm. Pr. de abono: (nur antaŭpage) kvaronjare sv. fr. 0.50.*

*BUKEDO. Elektitaj Rakontoj skribitaj en Esperanta Stenografio Duployé-Flageul. Eldonejo de Esperanta Stenografio, Issy les Moulineuax, Francujo. 1933. 16 Paĝoj. 11×16 cm. Prezo: Franc. Fr. 1.50.*

*UNUA KAJ SOLA EN ESPERANTUJO MNEMONIKA INSTITUTO de Prof. D. Fajnŝtejn. Alplenigo al la Prospekto. Metodo de memorfortigo. 8 Paĝoj. 13,5×19 cm.*

## PROBLEMOJ.

Jam en du numeroj ni presigis problemojn, inter, kiuj estas krucvortoj, kiuj, laŭdire, estas se ne tro, ĉiuokaze tre malfacilaj.

Al tio ni respondas, ke malfacilaj krucvortoj preskaŭ ne ekzistas. Nur la difinoj povas esti tiaj, ke oni ne tuj aŭ facile pensas pri la ĝusta solvo. Tiu malfacilaĵo en la difinoj estas la allogaĵo por la veraj krucvort-serĉantoj, kiuj ja tuj kapablos diri al vi la nomon de rivero kun 2 literoj en tiu lando; la nomon de reĝo el la antikvaj tempoj en tiu alia lando, k.t.p.

Ni tamen komprenas, ke multaj volas klopodi trovi la solvon de niaj problemoj, kiuj neniam antaŭe sin okupis pri krucvortoj.

Ni tial decidis represi la du jam donitajn problemojn, kun aliaj pli simplaj difinoj.

Jen la unua :

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 0 | 8 | 9 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 11 | 0 |
| 12 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 13 | ■ | 0 |
| 14 | 0 | 0 | ■ | 0 | ■ | 15 | 0 | 0 | 0 |
| 16 | 0 | ■ | 17 | 0 | 18 | 0 | 0 | ■ | 0 |
| 19 | 0 | 20 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 21 | 0 |
| 22 | 0 | 0 | ■ | 23 | 0 | ■ | 24 | 0 | 0 |
| 25 | 0 | ■ | ■ | 26 | 0 | 27 | 0 | ■ | 0 |
| 0 | ■ | 28 | 29 | ■ | ■ | 30 | 0 | 31 | ■ |
| 32 | 0 | 0 | 0 | ■ | 33 | 0 | 0 | 0 | ■ |

HORIZONTALE: 1. Telegramo; 10. Malsano de la okulnervo; 11. muziknoto; 12. Ĝi varmigas; 14. Uzata por ludi sur kordaj muzikiloj; 15. Fiŝo; 16. Pronomo; 17. La maro

havas, dum malbona vetero; 19. Regule okazas en la politika vivo de landoj, provincoj kaj komunumoj; 21. Participa finaĵo; 22. la diversaj religioj havas; 23. sufikso; 24. birdo (genro de papagoj); 25. Verba finaĵo; 26. supreniras kaj malsupreniras; 28. Birdoj donas; 30. Kreskaĵo, kun forta odoro, uzata en medicino; 32. Kreskas sur arbo; 33. Rabobirdo de la familio de la falkoidoj.

VERTIKALE: 1. Soldato; 2. Ornama bulba planto, kun grandaj bonodoraj floroj (iuj vortaroj anstataŭas la finan-s per « d »; 3. Rusa acideta supo el betoj; 4. diferencigas la tagon de la nokto; 5. Permesas la gvidadon de ŝipoj; 6. speco de hundo; 7. Anstataŭante la 2-an kaj 6-an literon, fariĝas erikejo; 8. Greka vorteto, kiu signifas « bon- » kaj kiun oni uzas en la kunmetado de internaciaj vortoj; 9. por supreniri; 13. vasta etendaĵo de akvo, ĉiuflanke limigita de tero; 17. Cifero; 18. Floro; 20. Sufikso; 21. Metalo; 24. Oni ŝatas en kartludo; 27. proksima en la tempo; 28. Cifero; 29. Komencliteroj de belga Esp.-grupo; 31. trinkaĵo.



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.